Jaro 19-a Januaro-Februaro 1967 N-ro 1



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I.F.E.F.**

LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO

Sekretario: J. POPTIE, Poŝtfako 2204, Utrecht, Nederlando
Redaktoro: E. BURGLER, Sportstraat 62, Amsterdam-Zuid
Konto: Algemene Bank Nederland, Amsterdam, No 30.36281

## La laborantoj de la „unua horo"






# 19a KONGRESO DE LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO (IFEF)

**en Fulda (Germanio)**
**de sabato, la 6a de majo**
**ĝis vendredo, la 12a de majo 1967**

**Adreso de LKK**

19a IFEF-Kongreso, poŝtfako 700746, D-6 Frankfurt (Main) 70, Germanio.

**Bankkonto**

Eisenbahn Spar- und Darlehnskasse Frankfurt (Main), konto-numero 40051.

**Poŝtĉekkonto**

Eisenbahn Spar- und Darlehnkasse Frankfurt (Main), konto-numero 56908 Postscheckamt Frankfurt (Main), zugunsten konto-numero 40051.

**Kongresejo**

Oranĝerio en la parko de la rezideja palaco en Fulda.

**Kongreskotizo**

Ĝis 15a de marto 1967: 32,— germ. mark.
Ĝis 20a de aprilo 1967: 38,— germ. mark.

Por pensiuloj, edzinoj kaj junuloj (malpli ol 19 jaraj) la sumoj estas la duono, do sinsekve 16,— resp. 19,— germ. mark.

**Simbola aliĝo**

Por personoj, kiuj ne povos partopreni la 19an IFEF-kongreson, eblas aliĝi kiel simpatiuloj. Post aliĝo ili tuj ricevos 25 glumarkojn, post la kongreso la kongreslibron kaj la kongresinsignon. Minimuma kotizo 8,— GM.

**Glumarkoj**

La dukoloraj glumarkoj montras la kongresejon. Vidu la bildon sur paĝo 75 de numero 6/66 LIF. Unu folio (25 glumarkoj) kostas 1,— GM plus 20 pfenigojn por sendkostoj, aŭ entute tri internaciajn respondkuponojn. Ĝojigu per tiuj glumarkoj geamikojn kaj kolektantojn. Bonvolu mendi ĉe LKK.

**Kongreskarto**

LKK forsendas kiel eble plej baldaŭ post valida aliĝo la kongreskarton.

**Kongreslibro**

LKK *klopodas* pretigi la kongreslibron tiel frue, ke ĝi povas esti dissendata al la aliĝintoj komence de aprilo 1967. Kongresanoj, kies aliĝilo atingos LKK post la 31a de marto, ricevos la kongreslibron nur en Fulda mem.

**Kongresprogramo**

En numero 6/66 LIF erare ne estis publikigita la kunveno de la junularo mardon, la 9an de majo, 14.00 — 16.00 h. Krome ni anoncas *speciale por la junularo* (neniel por nejunuloj) posttagmezan aranĝon dimanĉon, la 7an de majo, kune kun neesperantistaj gejunuloj en Fulda. La junuloj en ĉiuj landoj bonvolu esplori, ĉu ili povos prezenti skeĉeton, pantomimon, folkloran aŭ similan dancon. Bonvolu ankaŭ prepari kvinminutan referateton pri via laboro hejmlanda kaj pripensi eblecojn por personaj kontaktoj provizore sen Esperanto.

**Tuttaga ekskurso**

Post la restado en la mezepoka urbeto Rothenburg ob der Tauber ni interrompos la reveturadon en Uffenheim, 44 km sudoriente de Würzburg, kaj vespermanĝos tie. En la bela urbohalo vi povos aŭskulti esperantlingvajn kantojn prezentatajn de fervojistoj aŭ ties familianoj. La prezo por ĉi tiu ekskurso inkluzivas ne nur veturadon kaj du kompletajn manĝojn, sed ankaŭ surprizan programon en Rothenburg kaj la artajn prezentaĵojn en Uffenheim. Partopreno do estas nepre rekomendinda, eĉ se pluvas.

Sur la titolpaĝo:
La membroj de LKK: (de dekstre) s-ro Giessner, s-ro Lautenbach, s-ino Kruse, s-ro Jentsch, s-ino Ritterspach, s-ro Weber, s-ro Ritterspach, s-ro Barnickel.

**Stratinaŭguro**

La magistrato de la urbo Fulda ĵus decidis laŭ peto de LKK, doni al tre favore situanta strato la nomon „Esperanto-strato". Inaŭgura ceremonio okazos dum la kongres-semajno.

**Kolegoj el orientaj landoj**

kiuj havas malfacilaĵojn pro mono, pasporto ktp., bonvolu turni sin kiel eble plej baldaŭ prefere al siaj landaj estraroj aŭ IFEF-komitatanoj. Se tiuj kolegoj havas amikojn en okcidentaj landoj, kiuj estas pretaj pagi por ili certan sumon, tio ĉiukaze povas okazi al konto de LKK, kiu konservas la plenan sumon por la persono, al kiu ĝi estas skribe destinita (komparu sub cifero 7 en la „Ĝeneralaj instrukcioj" de la aliĝilo).
LKK povos doni garantiajn invitleterojn al unuopuloj nur, se *antaŭe* iu persono el okcidenta lando estos ĝirinta minimume la kongreskotizon *plus* 120,— GM por la orientlanda kolego, aŭ almenaŭ *skribe* estos deklarinta sin preta pagi tion laŭ ĝeneralaj aliĝkondiĉoj. Ankaŭ tiaj invitoj kaj aliĝoj tamen nur validas post ricevo minimume de la kongreskotizo.

---

**La landaj asocioj kaj izoluloj kiuj ankoraŭ ne ordigis siajn kotizoŝuldojn, bonvolu sendi la monon antaŭ la 15a de januaro 1967 al la IFEF-kasisto.**

---

*La marko, kiun vi nepre bezonas sur viaj korespondaĵoj!*




## Informoj pri la junularaj aranĝoj de la 19a IFEF-Kongreso

LKK organizos por la junularo futbalan ludadon.
La aliĝojn al la futbala ludado ni plilongigas ĝis la fino de marto 1967. Bonvolu legi niajn sciigojn en LIF/No. 6./ pri la aliaj detaloj.
Kun la loka junulara instanco „Stadtjugendring" en Fulda ni kontaktis pro komuna renkontiĝo kun la IFEF-junularo. Ili pozitive respondis kaj ni envicigos novan programeron „Renkontiĝo de loka kun IFEF-junularo" por la 7a de majo antaŭvideble 15 horo.
La Fulda-junuloj proponas siaflanke trakti jenajn temojn:

a. Organizado kaj celoj de la junulara laboro en la landoj de la partoprenontaj gejunuloj.
b. Kiamaniere oni povus interkontaktiĝi ĉu kun, ĉu sen Esperanto?
c. Kiaj komunaj malfacilaĵoj por la junulara laborado ekzistas en la diversaj landoj, kaj kiel oni povus helpi unuj al la aliaj por venki ilin.

Krom la supre menciitaj temoj oni preparos dancetojn, pantomimojn, kantojn. Estos ebleco ankaŭ por la filmprojekciado de 8 mm. filmoj.
Ni atendas la aliĝojn de niaj gejunuloj parte al la futbala ludado kaj parte al la nova programero. Adreso: Györ 2, Poŝtfako 143. Hungario.

D-ro Imre Ferenczy
gvidanto de la junulara IFEF-sekcio

---

**Se vi skribas al iu funkciulo, aŭ al la landaj asocioj, atentu ĉiam la ĝustan nomon kaj adreson. Tro da tempo perdiĝas pro malzorge adresitaj leteroj.**

---

## NEKROLOGO

Kun malĝojo en la koro ni informas nian membraron pri la forpaso de nia amiko Gerhard Schneider, fervoja prefekto, kiu mortis la 28an de novembro 1966 nur 39 jara.
Post la sukcesplena operacio de la galoveziko, bedaŭrinde okazis post unu semajno embolio.
Abrupte kaj por ĉiam finiĝis la multaj priaferaj kaj amikaj kontaktoj, kiujn ni havis kun li por la bono de nia komuna afero.
Li fondis tuj post la dua mondmilito la wuppertalan fervojistan Esperantan organizon, kiun ĝi li estris ĝis la jaro 1955.

# Referendumo pri „La Internacia Fervojisto"

Per mia letero numero 4 de la 12a de julio 1965 mi petis al la komitatanoj sendi eventualajn pliajn demandojn, kiuj ne estas menciitaj en la demandaro proponita de niaj francaj kolegoj, por ke mi povu aldoni tiujn novajn demandojn. Respondis la komitatanoj el Ĉeĥoslovakio, Danio, Finnlando, Germanio (4), Hispanio, Italio, Nederlando kaj Svedio. Ĉiuj opiniis, ke la demandaro de Francio sufiĉas. Germanio proponis forstreki la lastan demandon de punkto unu, ĉar kiu ne legas la gazeton ankaŭ ne respondos.

Mi proponis al la IFEF-estraro la tekston kiel ĝi aperis en LIF n-ro 5.

Ensendis la demandaron al nia redaktorino: 114 anoj, t.e. 4½% de la anaro je 1.1.66.

La respondoj venis el: Aŭstrio 8, Bulgario 4, Britio 1, Ĉeĥoslovakio 5, Danio 1, Finnlando 3, Francio 22, Germanio 24, Hungario 11, Hispanio 1, Italio 3, Nederlando 14, Norvegio 5, Polio 1, Svedio 4, Svisio 7.

Neniu respondo estas ricevita el Belgio kaj Jugoslavio.

La detaloj estas jenaj:

1. **Pri la legado**
   - a. 104, t.e. 92% de la respondintoj regule legas la gazeton;
   - b. 6 nur trarigardas la gazeton;
   - c. 3 malofte legas ĝin, unu el ili trovas la gazeton ne interesa.

2. **Pri la enhavo**
   - a. 86, aŭ 83% de la respondintoj diris, ke la gazeto estas taŭga;
   - b. 1 opinias, ke la gazeto estas tro ampleksa;
   - c. 17 respondis, ke la enhavo estas ne sufiĉe ampleksa.
     Pri tio mi revenos ĉe punkto 6.

3. **Pri la formato**
   - a. 93, t.e. 85% de la respondintoj konsentas pri la nuna formato
   - b. 17 ne konsentas kaj 12 el ili proponas la formatojn: 14 x 21 cm, 14,8 x 21 cm, 14,8 x 21,1 cm; 15 x 21 cm, 18 x 24 cm, 21 x 27 cm, 21 x 29,5 cm, 21 x 29,7 cm, 21,5 x 29 cm, 24 x 37 cm.
     Ni do povas elekti.

4. **Pri la eksteraĵo**
   - a. al 85, t.e. 77% la eksteraĵo plaĉas;
   - b. 26 volas alian eksteraĵon, i.a.:
     - 11 deziras la forigon de la funebra kapo (1 aŭstro, 1 ĉeĥo, 2 francoj, 5 germanoj, 1 nederlandano kaj 1 sviso);
     - 3 volas verdkoloran kapon, inter kiu unu kun nur verda la esperanto-stelon;
     - 4 la forigon de la artikolo el la nomo, do; Internacia Fervojisto";
     - 4 opinias la subtitolon tro longa;
     - 4 volas, ke la adresoj de la estraranoj estu presitaj sur la 2a aŭ lasta paĝo;
     - 4 sur la fronta paĝo ne ĉiam bildon, sed de tempo al tempo la ĉefartikolon;
     - 4 anstataŭigi la devizon „La reloj ktp." per alia slogano;
     - 1 forigon de la artikoloj el nia slogano;
     - 1 pli modernigi la gazeton.

5. **Pri la konservado**
   - a. 86 aŭ 77% konservas la gazeton.
   - b. 26 ne konservas ĝin. Tio ne signifas, ke ili forĵetas la gazeton. Multaj sendas la gazeton al aliaj esperantistoj.

6. **Kritikoj kaj sugestoj**

   Nun sekvos aro da kritikoj kaj sugestoj:
   - 3 pli pri turismo;
   - 5 pli da fakaj artikoloj kun ilustraĵoj, sed ne nur pri lokomotivoj. Ankaŭ novaĵon pri la fervojoj;
   - 5 presigi la IFEF-emblemon en la kapo de la gazeto;
   - 6 informojn kaj komunikojn pri la landaj asocioj;
   - 4 tro malfrue ricevas la gazeton (2 el Francio kaj 2 el Germanio);
   - 4 ĉiam la subskribon apud la fotoj, ne sur la alia paĝo;
   - 1 konkurson por havigi pli da manuskriptoj kaj premiigi ilin;
   - 1 enhavotabelon;
   - 1 LIF ne estas necesa por ne fervoraj anoj, ne por duonaj esperantistoj kaj ne por simpatiantoj, ne-esperantistoj;

# Inaŭguro de Esperanto-strato en Albenga

Dimanĉon la 23an de oktobro, okaze de la inaŭguro de Esperanto-Strato, disvolviĝis en Albenga (Provinco Savona), esperanta manifestacio kiu tre impresis la loĝantaron de la simpatia urbeto, kaj la multnombrajn partoprenantajn esperantistojn.
La tago komenciĝis per la inaŭguro de la flago de la loka Esperanto-Grupo fare de Lia Moŝta Episkopo, kiu, per trafaj kaj taŭgaj vortoj evidentigis la valoron de nia movado.
La Esperanta Diservo okazis en la Malgranda Placo de la Lionoj, juvelo de la antikva „Albium Ingaunum"; tie, unu post la alia, laŭvice, troviĝas la malantaŭa parto de la Katedralo, la mirinda Baptejo, la Episkopejo kaj aliaj belegaj konstruaĵoj kiuj igas tiun placeton centro de la antikva kaj karakteriza parto de la urbeto. La Religia Ceremonio emociigis nin ĉiujn pro la sugesta loko kaj pro la belegaj vortoj de la tute novbakita esperantisto: tre respektinda kanoniko, Pastro Prof. Borzachiello, kiu bonege diservis kaj predikis esperante.
Poste en la salono de la Malnova Komunuma Palaco, prezentata de nia kolego Corradi, staciestro de Albenga kaj prezidanto de la Esperanto-Grupo Ingauno, D-ro Mario Dazzini, majstre kaj flame prelegis pri: „Esperanto en la lernejoj".
Ĉeestis inter la aŭtoritatuloj, la Vicprovincestro el Savona Komm. Capellini kaj la urbestro de Albenga S-ro Viveri.
Sekvis la inaŭguro de tute nova „Strato Esperanto" en moderna kvartalo; post la malkovro kaj beno de la tabuloj la urbestro per taŭgaj kaj sinceraj vortoj dankis aŭtoritatulojn kaj esperantistojn, kaj bondeziris al nia movado.
Rimarkinda estas la fakto ke en Albenga okazis la unua eksperimento, kun bonega sukceso, por enkonduko de Esperanto en la elementaj lernejoj kaj ke baldaŭ oni inaŭguros esperantan kampadejon kaj nomos ĝin „Esperanto de la Floroj".
Dum la inaŭguro de la strato, ĥoro de la knaboj de la elementaj lernejoj kantis esperantajn kaj religiajn kantojn sub la gvidado de la senlaca Kan. Pastro Borzachiello.
Luksa refreŝigaĵo per kio min regalis la Komunuma Administracio en la salono de la Malnova Palaco kaj komuna tagmanĝo finis la unuan parton de tiu bela tago.
Posttagmeze aŭtobusa ekskurso kondukis la partoprenintojn viziti la proksimajn mirindajn grotojn de Toirano.
La esperantistoj de Albenga, inter kiuj kelkaj fervojistoj, povas fieri pro tiu sukcesplena manifestacio; imitinda ekzemplo de lerta organizado de la tuta aranĝo kaj de favora partopreno de la publiko ne-esperantista.



---

1 redakcian komitaton kaj dividon de la taskoj;
1 vivantan gazeton pri ĉiuj temoj verkitajn de la anoj;
1 raportojn kaj komunikojn pri ne-fervojistaj esperanto-organizoj;
1 aldoni reklamojn;
1 artikoloj tro longaj kaj pro tio tedaj;
1 transprenon kaj tradukon el aliaj gazetoj kaj sendi LIF al ĉiu redakcio propagandcele;
1 for la kliŝon kun la suĉinfano (prenas tro multe da spaco kaj ne taŭgas por faka gazeto);
1 la kapo de la rubriko „El la mondo esperantista" tro granda (prenas tro grandan spacon);
1 anstataŭ „Organo de IFEF" pli grandlitere „Esperanto-gazeto de IFEF" el propaganda vidpunkto;
1 serĉi pli da abonantoj por tiu bona gazeto;
1 tutpaĝajn ilustraĵojn.

Jen gekolegoj, la rezultato de la referendumo.

J. J. Labordus

# Transporto DSB n-ro 2206







Antaŭ 1½ jaroj oni en la kontoroj por neordinaraj transportoj ĉe DSB ricevis demandon pri la ebleco transporti grandan generatoron de Biel en Svisio ĝis Asnaesvaerket ĉe Klundborg en Danio. La pezo estis 203 tunoj, la longeco ĉirkaŭ 6,00 metroj, kaj la diametro 4,00 metroj. La serĉoj montris, ke transporto povas okazi, tamen kun diversaj limigoj.

La 27/8 1966 la generatoro alvenis en Padborg sur vagono 2085 999 2 000-5. Kune kun la 40,8 m longa specialvagono venis 1-a klasa virarvagona, ŝanĝita pakaĵvagono kun fluprovizo kaj diversaj iloj por malŝarĝi la generatoron kaj malkovrita ŝarĝvagono kun diversaj apartenaĵoj por la generatoro. La tuta longeco de la trajno estis 95 metroj kaj la trajnpezo 378 tunoj. La akspremo de la specialvagono estis 16,6 tunoj sur 18 aksoj.

La specialvagono, kiu estas tute disigata por kontrolo kaj ŝmirigo antaŭ ĉiu transporto, estas interesa, ĉar la ŝarĝo estas parto de la vagono. Per uzado de la generatoro kiel parto de la vagono, oni povas meti la ŝarĝon tute ĉe la reloj. Tia ŝarĝmetodo tamen postulas, ke oni por ĉiu transporto verku 2 specialajn transirpecojn. En ĉi tiu okazo oni havis 2 pecojn, kiujn oni post uzo resendis al Svisio sur specialvagono. La portantaj partoj de la vagono estas metitaj tiel, ke oni povas translokigi la generatoron de flanko al flanko. Tiamaniere oni havas eblecon por pasigi specialajn mallarĝajn lokojn.

En Danio oni ne devus uzi tiun eblecon por translokigi la generatoron, sed ĉe la

# Rothenburg ob der Tauber

Unu el la germanaj ĉefriveroj nomiĝas Main. Prenu mapon kaj sekvu ĝian fluon ĝis la granda U-forma kurbiĝo, jen vi vidas — aŭ preskaŭ ne vidas — apudrivereton de sudo. Streĉu iomete viajn okulojn kaj vi eble povas deĉifri ĝian nomon: „Taŭber". Venante el centra Frankonio la rivereto malrapide serpentumas norden serĉante la plej komfortan vojon. Jen ĝi trafluas valherbejon, jen saĝe cedas vojbarantan monteton kaj fine enfluas ĉe Wertheim, la riveron Main. Do, unuavide nia rivereto estas tute ne io speciala, tamen ĝi estas fama pro multaj vilaĝoj kaj urbetoj situantaj ĉe ambaŭ bordoj, kaj ne nur artaj-spertuloj scias, kiaj — ĉefe barokstilaj — juvelaĵoj sin kaŝas sub la nomo „Taŭbervalo". Sed mondfamon ĝuas nur unu urbo tie, kiu tronas kvazaŭ krono alte super la valo: Rothenburg ob der Taŭber.

Trairu unu el la multaj pordegoj — kaj nur tra pordego oni povas eniri la urbokernon — kaj vi havos la impreson, ke vi ĵus per granda paŝo transsaltis kelkajn jarcentojn reen, rekte en la germanan mezepokon. Ofte oni asertas, ke Rothenburg estas nura subĉiela muzeo. Sed laŭ mi, oni per tiu diro multe domaĝas la brilon de la urbo. Muzeo — ĉu subĉiela ĉu alia — estas io, kion oni de multaj diversaj lokoj zorge kolektis, ie elterigis aŭ malkonstruis, kaj aliloke denove starigis.

Ne tiel Rothenburg! Organike ĝi iam kreskis en gotika kaj renesanca stiloj, kiuj kunfandiĝis al harmonia tuto. La egalstile aspektaj stratoj tamen estas neniel uniformaj, ĉar ĉiu domo respegulas la individuan volon kaj personan estetikon de sia iama posedanto, kiu estis fiera patricio de libera, sendependa urbo.

Venu kun mi, ni kune surgrimpu kaj rondiru la urbomuron kun ĝiaj multaj bastionoj, kiu ĉirkaŭas la kvazaŭ surmontan fortikaĵ-urbeton. Libere kaj plezure vagas niaj rigardoj al multformaj tegmentoj, pinakloj, turoj kaj ĝardenanguloj. Konscie ni ĝuas la ĉarman pejzaĝon, sed denove nia mirigita rigardo sekvas la pitoreskajn stratetojn, jen rektajn jen kurbiĝantajn, kaj ni komencas postsenti ion pri la iama glora pasinteco de la urbo, sed ankaŭ pri la sortobatoj suferitaj dum teruraj militoj....

Ni scias, ke imperiestro Friedrich I (Barbarossa) en 1172 al Rothenburg donis la urbajn rajtojn. Rudolph I eĉ dekretis ĝin libera, sendependa urbo en 1274, kio certigis dum preskaŭ 2 jarcentoj bonstaton kaj prosperon. Sub la gvidado de la urbestro Heinrich Toppler (1373-1408) Rothenburg atingis sian nepran kulminon.

Dum la 30-jara milito multaj taĉmentoj tramarŝis la urbon kaj alportis mizeron kaj elrabadon. Post longa heroa defendo flanke de la enloĝantaro, marŝado Tilly

elveturo de la stacio Kalundborg la du svisaj gvidantoj ordonis, ke la lokomotivo haltu, ĉar ili ne estis certaj, ĉu oni povos preterpasi barilon. Oni decidis 10 centimetrojn translokigi la generatoron. Estis impone vidi la pezan generatoron trankvile gliti al la flanko. Daŭris malpli ol 2 minutojn preterpasi la barilon, kaj dum la veturado oni translokigis la generatoron al sia ordinara loko.

Je lundo la 29/8 1966 la malŝarĝo povis komenciĝi. La vagono tiam estis ŝarĝita dum konstanta, tamen malrapida veturado dum 12 tagnoktoj.

Granda transporto estis bone finita. Jam la saman tagon estis demando pri ebleco transporti novan, pli grandan objekton. Kaj venontfoje la malfacilaĵoj estos ne malpli grandaj.

El „Vingehjulet" (trad. H. Hauge)





**Disdono de diplomoj al gekursanoj en Bologna**

Dimanĉon, la 30an de oktobro, en la konferenca salono de A.M.I.G.: Asocio „Mutilati de Invalidi di guerra", okazis pere de Prof. Agostini (Ĝenerala Direktoro de Itala Instituto de Esperanto), la solena disdono de diplomoj pri lingvo Esperanto al gekursanoj de la pasinta lernojaro. Li adresis al ili patrajn kaj kuraĝigajn vortojn. Parolis poste, en la nomo de Itala Esperanto-Federacio, d-ro Dazzini kiu, interalie, informis ĉiujn gelernantojn kaj la ĉeestantojn neesperantistajn pri la Leĝpropono 1816 koncerne la enkondukon de Esperanto en la lernejojn.

En la preĝejo de Sanktaj Gregoro kaj Siro, oficiale ĉeestis la Vicministro pri Publika Instruado On. Elkan. Diservis Pastro A. Ciccanti, kiu legis kaj klarigis la Evangelion per simplaj vortoj en Esperanto.

Al la Sankta Meso, honore de la falintoj je servo de la Patrujo kaj aparte por la mortintoj en „Alta Adige", ĉeestis lokaj aŭtoritatoj kaj reprezentantoj de la soldataj societoj kun flagoj.

Ĉeestis ankaŭ la standardo (Gonfalone) de la komunumo kaj la flago de la Esperanto-Grupo de Bologna.

Poste en la apuda salono de la Parokejo, dum simpla honora vermuto Lia Moŝto On. Elkan per mallongaj vortoj, promesis sian helpon al mia movado, kaj sian apogon al Leĝprojekto n-ro 1816.



**Britio**

La Brita Asocio de Esperantistaj Fervojistoj okazigis antaŭ nelonge ekspozicion.

En York okazis sub la gvidado de amiko Jack Clark Esperanto-ekspozicieto en Ekspozicio de Krom-Okupoj. Niaj kolegoj havigis por si materialon de variaj lokoj kaj pruvis la valoron de Esperanto por turismo, komerco, sporto kaj kulturo. Sendube tiu ĉi Esperanto-sekcio de la ekspozicio estis granda sukceso. La deĵorantoj disdonis pli ol 300 flugfoliojn. Multaj interesiĝantoj promesis partopreni la okazigotan Esperanto-kurson.

Ni deziras al niaj britaj geamikoj sukceson.

---

en 1631 kuratake prenis Rothenburg kaj ĝin ŝarĝis per grandaj kontribu-postuloj. Fine de la 17a jarcento, kiam novaj militoj detruis kaj dezertigis la ĉirkaŭon, definitive finiĝis la regiona hegemonio de Rothenburg; ek de 1802 ĝi apartenas al la bavara ŝtato kaj havas nun proksimume 12000 enloĝantojn.

Se eble vin ne interesas la historiaj sciigoj, vi tamen ne povos rezistis la etoson de tiu ĉi urbo. Starante antaŭ la majesta urbodomo, laŭdire unu el la plej belaj en Germanio, oni sentas volenevole la grandajn eventojn de mezepoka pasinteco. Promenante tra la stratoj, oni malkovras mil eksterordinaraĵojn; jen aparte bela gasteja ŝildo, jen elstare ornamita pordo, jen rave florplena korbelo . . ., kia paradizo por foto-amatoro! El la iam obstine kontraŭstaranta bastiono fariĝis iom post iom fabelurbo, tia, kia ni modernaj homoj ĝin amas. Kaj kun ĝojo ni konstatas, ke la Konsilantaro scias gardi la historian belecon de la urbo. Ie mi legis la frazon „Rothenburg estas kvazaŭ altvalora gobeleno, farita el sennombraj eroj." Plaĉa komparo, ĉu ne? Intence mi ne detale menciis la vere multajn vidindaĵojn, tamen mi ne preterlasu atentigi vin pri unu artaĵo, la altaro „Sankta Sango" (Heiligblutaltar) de la fama germana lignoskulptisto Tilman Riemenschneider (1455-1531) en la preĝejo St. Jakob. Kiu ne vidis tiun altaron, ne diru, ke li estis en Rothenburg.

Ĉu vi nun emas persone konatiĝi kun la urbo? La LKK de la venonta IFEF-Kongreso donos al vi tiun okazon, ĉar ĝi elektis Rothenburg ob der Tauber kiel celon de la tuttaga ekskurso. Ĉu vi jam antaŭĝojas?

Elisabeth Ritterspach

# FFEA jarkunveno en Parizo

La 26an kaj 27an de novembro okazis en Parizo la jarkunveno de la Franca Fervojista Esperanto Asocio.
Sabatvespere en unu el la salonoj de la fervoja administracio en Rue de Milan la francaj junuloj prezentis dancojn kaj skeĉojn en maniero tre akceptinda. Ili vere sukcesis agrable distri la esperantistajn gekolegojn en la plenplena salono. Post la prezentadoj grupo de junuloj daŭrigis la feston en „Mont Martre".
Ankaŭ dimanĉmatene estis la salono plena de partoprenintoj por la ĝenerala kunsido. Ĉeestis ankaŭ la anstataŭanto de s-ro Mollion.
Reprezentantoj de Germanio, Italio kaj Nederlando salutis la kunvenon. La IFEF-prezidanto salutis en la nomo de la Federacio kaj ĝia estraro. En sia salutparolo li memorigis la amikajn rilatojn, kiuj ekzistas jam de antaŭ la starigo de IFEF inter francaj kaj nederlandaj fervojistaj esperantistoj, kaj la bonvolan tonon en la diskutoj, ankaŭ tiam, kiam temis pri diverseco de opinioj.
Li esprimis sian bedaŭron pri la apero de cirkuleroj, senditaj de komitatanoj al komitatanoj sen antaŭ-informo al la ĉefkomitatano aŭ IFEF-estraro.
Franca proverbo diras, ke „estas la tôno, kiu faras la muzikon" kaj estas ĝuste la tono en certaj cirkuleroj, kiu estas nepre malakceptinda. Li petis la kunlaboron de la franca movado por reenkonduki en IFEF la tonon, kiu regis en la movado dum pli ol 15 jaroj. Samtempe li tutkore gratulis FFEA pro la fakto ke ĝia prezidanto Delaquaize ĝis nun restis sur sia posteno favore al la franca movado.

*

La kunveno marŝis tre bone sub la kapabla gvido de la asocia prezidanto. Unu el la gravaj punktoj estis la diskuto pri eventuala invito de IFEF-kongreso en sud-franca urbo en 1969. Definitiva elekto de kongresloko okazos antaŭ la kongreso en Fulda.
Post fino de la kunveno okazis komuna tagmanĝo en sfero gaja kaj amika.
Mallonge dirite: la vizito al la franca jarkunveno estis agrabla interrompo de la laboro por nia Federacio. de Jong.

## Vagono kun sendepende turniĝantoj radoj

Japanaj esploristoj projektis, pretigis kaj esploris novan specon de fervojaj veturiloj, ĉe kiuj estis atingotaj pli bonaj veturecoj ol ĉe vagonoj de kutimaj konstrusistemoj. Ili solvis tiun ĉi taskon per tio, ke anstataŭ radparoj de kutima konstruo ili uzis boĝiojn kun radoj, kiuj turniĝas reciproke sendepende.
La ekspluatesploro okazis en la jaro 1959. La radparo kun sendepende turniĝantaj radoj estis munita en kvaraksan vagonon, alkuplitan al elektra lokomotivo. La vagono veturadis unu jaron en regula trafiko sur la fervojlinioj inter Kioto, Osaka kaj Kobe. La esploroj montris, ke ĉe la vagono kun sendepende turniĝantaj radoj dum veturo ĉu per grandaj ĉu per malgrandaj rapidecoj la flankmovoj estas konsiderinde malpli grandaj ol ĉe vagonoj kun kutima konstruspeco. La esploroj plue pruvis, ke la radflanĝoj ĉe boĝioj de la nova konstruspeco estas konstante alpremiĝantaj senpere al la relkapo, kies sekvo estas sekura veturo de la vagono kaj malpli grandaj flankpremoj al la relo.
La boĝioj de nova konstruspeco estis enmuntitaj ankaŭ en motoran trenveturilon, kies rapideco atingis trafike 130 km/hore. La duaksa boĝio de la motorvagono posedas unu trenagregaton, kies akso paralelas al la trakakso. La trenforto estas transmisiata al la akso pere de kardano kaj diferencialmekanismo kaj la turnmomanto estas perata al unu el la aksoj.
Ankaŭ la motorvagono pruvis alttaksindajn veturecojn dum la trafikesploroj. La amplitudo de transversaj movoj de la motorvagono malpliiĝis rilate al veturiloj de kutima konstrusistemo je 60 - 80% kaj la flankpremo malpliiĝis mezgrade duoble. Dum veturrapidecoj pli ol 100 km/hore la flankpremoj al la reloj atingis proksimume la samajn valorojn, kiel ĉe radparoj de kutima konstruspeco.
La veturrezistoj ĉe la novaj boĝioj estis konstatitaj proksimume je 20% malpli grandaj ol ĉe la ĝisnunaj konstrusistemoj. Konsiderinde malpliiĝis la frotforuzo de la radflanĝoj.

(Laŭ revuo Železnodorožnyj transport n-ro 2/65, trad. -eto)

# Unesko-novaĵoj

**Laŭ Unesco Features kaj Informa Servo de U.E.A.**

**Norvegujo kunbatalas kontraŭ Afrika analfabeteco**

En Norvegujo estos eldonita per financa helpo de la Fondaĵo Dag Hammerskjöld elementa bildolibro en la sŭahila lingvo por plenaĝaj analfabetoj.
La lernolibro, kiu titoliĝos „La Daglibro", havos tekston parte ankaŭ en la angla. Ĝi konsistos el du partoj, kun kolorilustraĵoj de afrika artisto. La unua parto estos elementa vortaro, en kiu ĉiu paĝo montros ses ĉiutagajn objektojn kun, apude, la respondaj sŭahilaj vortoj; la dua enhavos tutpaĝajn desegnaĵojn pri facile rekoneblaj situacioj el la afrika vivo, sub kiuj aperos simplaj frazoj aŭ vorto-grupoj.
Provizore oni distribuos limigitan eldonon de 5000 ekzempleroj en Tanzanio. Laŭ la plano aperos poste eldonoj en aliaj afrikaj lingvoj.

**Unua Internacia Foiro de Azio**

La Unua Internacia Foiro de Azio okazis de 17 novembro ĝis 10 decembro en Bangkok sub aŭspicio de la Ekonomia Komisiono de Unuiĝintaj Nacioj por Ekstrem-Oriento (ECAFE).

**Penĉo Slavejkov (1866 - 1912): Poeto de la Bulgara liberiĝo**

Por bulgaroj la nomo de Penĉo Slavejkov estas por ĉiam ligita kun unu el la plej dramaj periodoj de la historio de ilia lando: la liberiĝo de Bulgario en 1878 post kvin jarcentoj da otomana regado.
Penĉo Slavejkov naskiĝis en la urbo Triavna je la 27a de aprilo 1866, filo de poeto, kiu mem, kun grupo de aliaj intelektuloj, havis gvidan rolon en la bulgara renesanco de la 19-a jarcento. En 1876, tiam dek-jara, Penĉo vidis mem la popolan ribelon en Stara Zagora, kiu ekbruligis tutlandan ribeladon. La tieaj scenoj de malpaco kaj batalado lasis profundan impreson en la knaba menso kaj fariĝis poste temo de liaj gloraj versoj. Lia plej konata verko estas „Sanga kanto", kies temo estas ĝuste tiu ribelo de 1876. Kvankam li prilaboris ĝin dum 20 jaroj, ankoraŭ ĝi estis nefinita, kiam li mortis.
„Sanga kanto" aperis en fragmenta traduko en Esperanto de Ilia Silvestriev, en 1927.

**Tanzaniaj monumentoj riparataj por turismo**

Komenciĝis laboroj por ripari ruiniĝintajn fragmentojn de la kulturaj restaĵoj kaj arĥitekturaĵoj, kiujn mahometanoj el Omano kaj la Persa Golfo postlasis laŭ la marbordo de Tanzanio.
Interesaj monumentoj troviĝas plurloke, interalie apud la fiŝista vilaĝo Kunduĉi, 16 mejlojn (26 km) norde de Dar-es-Salamo. Tie la tanzania Konservisto de Antikvaĵoj, s-ro Hamo Sassoon, laboris dum tuta jaro, kaj la loko rapide diskoniĝis kaj allogis turistojn.
La ruinoj de Kunduĉi konsistas el tomboj de la 18-a jarcento kaj moskeo el korala ŝtono konstruita en la 15-a jarcento kaj poste beligita per ornamaj gipsaj modlaĵoj.

**Laseroj uzataj por rektigi tunel-boradon**

Lasero-radioj estas nun jam uzataj por ebligi grandan precizecon dum tunelborado. En Nova Meksiko, Usono, irigacia tunelo de 2,4 km ($1\frac{1}{2}$ mejloj) deviis entute per ne pli ol 1,6 cm. (/8 colo). La grandan precizecon oni ŝuldas ĉefe al rektigilo, kiu uzas gas-laseron.
La uzo de lasero anstataŭ de la lampoj normale uzataj dum tunelkonstruado donas tre potencan radion, kiu estas uzebla por pli grandaj distancoj kaj kiu eĉ penetras polvo-nubojn. La radio de la lasero trafas du fotoĉelojn muntitajn sur la bor-maŝino. Tio siavice briligas lampetojn sur kontrol-tabulo antaŭ la stiristo, kiu per ties helpo povas korekti devion tuj kiam ĝi komenciĝas.

**Proteinoj el natura gaso**

Du britaj petrol-sciencistoj, d-roj J. R. Norris kaj D. W. Ribbon, sukcesis ŝanĝi metanon — unu el la ĉefaj elementoj de natura gaso — en manĝeblajn proteinojn. La proteinon produktas bakterio, kiu nutras sin ekskluzive per metano kaj eligas blankan, flokecan substancon kun protein-enhavo inter 40 kaj 50%. Tiun substancon, cetere sengustan, manĝis jam diversaj laboratoriaj bestoj kaj ankaŭ en malgrandaj kvantoj, la sciencistoj mem. Dum multaj jaroj du aliaj petrol-kompanioj same eksperimentadis por produkti proteinojn el la neuzeblaj rezultaĵoj de la nafto-rafina proceso.

# Recenzoj

**Panjo** de Jaroslav Seifert, tradukis el la ĉeĥa lingvo Jiři Kořinek, eldonis Eldona Sekcio de Slovenia Esperanto Ligo, Ljubljana, Poŝtfako 239. Eldonkvanto 1500 ekz., prezo 0,75 us.dol. aŭ egalvaloro; aĉetebla ankaŭ ĉe UEA.

La libro entenas 43 poemojn de la fama ĉeĥa verkisto Seifert en lerta kaj kuraĝa traduko de la konata tradukisto Kořinek. La poemetojn Konvulvulo trad. Jar. Mráz, En angulo ĉe l'patrino trad. Rud. Hromada. Estas aldonita listeto pri neologismoj netroveblaj en la Plena Vortaro kaj ĝia Suplemento.
La verkojn de Seifert karakterizas la amo, ĉiam kaj al ĉio, pri kio ajn li skribas. La amo, eĉ la plej malfeliĉa ja estas pli bona, ol malamo kaj ankaŭ amo fatala kaj senrevigita trovas fine rekompencon en konscio de tio, ke oni amas. Ni ĉerpis el tiu ĉi volumo poemon pri „stacidomo".

STACIDOMO

*Fum' kiam iĝos nur nubet',*
*aĥ, nur nubet'*
*taŭzata de ventpelo,*
*post trajn' ĝi flugu kun impet',*
*aĥ kun impet'*
*al panjo ĝis orelo.*

*Hastegu do per plenvapor',*
*per plenvapor',*
*kun trajn' lokomotivo;*
*florante per papava flor',*
*papava flor',*
*ĝin eĥu la deklivo.*

*Dum pasos trajn'*
*en sia kur',*
*kiel ruband' malhela,*
*falos fajrer' al konvolvul',*
*al konvolvul',*
*kiel lampir' somera.*

*Rigardos ni de neproksim',*
*de neproksim',*
*kun trist-suspir' trans teron,*
*kaj larmo, kiu rulos sin,*
*aĥ rulos sin,*
*estingos la fajreron.*

**Rakontu, samideano,** eldonis Dansk Esperanto-Forlag, Ingemannsvej 9, Abyhöj, Danlando.

Dudek diverslandaj samideanoj rakontis pri siaj spertoj jen sprite, jen kortuŝe, tamen koncerne sian esperantistan vivon. Inter la verkistoj ni vidas la nomojn de V. Setälä, Finnlando, P. E. Schwerin, Aŭstralio, J. Guillaume, Francio, A. W. Thomson (Avoto), Anglio k.a. En la libro restis nur malmultaj kompostaj eraroj; ĝi estas tre taŭga kiel legolibro por daŭrigaj kursoj, sed ankaŭ spertaj esperantistoj ĝuos multajn rakontojn el ĝi.

**Mi amis junulinon.** Konfidenca korespondado publicita de Walter Trobisch, tradukita de Adolf Burkhardt, 140 paĝoj.
Eld.: Editors Editions Trobisch, Baden-Baden.

Ĉi tiu intima korespondado estiĝis en la franca lingvo en la nun sendependa Kameruno (Okc. Afriko). Juna instruisto — negro — estis eksigita el sia lernejo pro seksa rilato kun knabino. Li mem ne konsideras tion peko, ĉar la knabino ne estas ligita al edzo, nek al fianĉo. Kiam li poste ekkonas la veran amon, li embarasiĝas pro tio, ke li ne povas pagi la altan sumon, kiun la estonta bopatro postulas por sia filino laŭ kutimo de la klano. Ne sciante, kiel solvi ĉi tiujn problemojn, li turnas sin al sia iama gimnazia instruisto, pastoro Trobisch por konsiloj. La korespondado, kiu rezultas el tio — kaj kiun partoprenas ankaŭ lia fianĉino kaj la edzino de la pastoro — estas tiom interesa, ke oni senhalte legas la libron ĝisfine. Al tio kontribuas ankaŭ la flua kaj simpla stilo. Mi notis kelkajn nenecesajn neologismojn: aperti (malfermi); pluki (ŝiri/pri floroj); pigra (mallaborema); haste (urĝe).
Krome kelkajn eraretojn: *li, lia, lin* (pri besto) anst. ĝi, ĝia, ĝin. *Kiel vi imagas al vi tion?* (Kiel vi imagas tion?) Manko *da* fido (Manko de fido).
La libro estas tradukita en 30 afrikajn kaj 20 eŭropajn lingvojn. F.F.

*

Utrechta Esperanto Komitato (kasistino S-ino van Iperen-de Vries, Nassaustraat 43, Utrecht) povas liveri ankoraŭ fotografaĵojn pri la Zamenhofmonumento. Prezo: 4 por Hfl. 1.—, 25 pecoj por Hfl. 4,25.

*

Nun por la sesa fojo la Turisttrafika Asocio de Oslo kaj Ĉirkaŭaĵo eldonis turistbroŝuron en Esperanto. Ĝi estas presita en 40.000 ekzempleroj.
La broŝuro estas senpage ricevebla de Klubo Esperantista en Oslo, Boks 942, Oslo 1, Norvegujo, sed bonvolu sendi respondkuponon por la afranko. Por unu respondkupono oni povas sendi maksimume 12 ekzemplerojn.

# UNESKO-seminario

## pri turismo kaj sporto diskutas pri Esperanto

De la 13a ĝis la 16a de oktobro ĉi-jare okazis en Bled, Jugoslavio, la Unua Internacia Seminario pri Turismo kaj Sporto, sub la aŭspicio de UNESKO. Tiun seminarion partoprenis 104 delegitoj el 14 landoj. Inter ili, kiel plenrajta membro partoprenis la Internacia Instituto por Oficialigo de Esperanto (IOE), reprezentita de sia direktoro, Lic. Tibor Sekelj.

La temo de tiu Seminario estis la alproksimigo de la du plej amasaj aktivadoj de nia jarcento, turismo kaj sporto, kaj ilia pli bona profitigo por la tuthoma alproksimiĝo. La raportoj do, envolvis tri problemojn. Unue, kiel doni al la turistoj pli da korpa aktivado, pli da sporto. Due, kiel al tiuj, kiuj vojaĝadas por partopreni aŭ ĉeesti sportajn eventojn, proponi ankaŭ turisman kaj kulturan enhavon al la vojaĝo. Trie, kiel atingi ke ambaŭ aktivadoj kontribuu laŭeble plej multe al la reciproka interkonatiĝo kaj amikiĝo de la popoloj, kaj al la kulturo kaj socia integriĝo de la homaro.

La reprezentanto de IOE prezentis raporton kiu koncernis tiun ĉi klopodon, kaj proponis la laŭgradan adopton de Esperanto en la turismo kaj sporto, la sole ebla vojo por atingi vastan komunikiĝon inter la diverslandanoj kaj kulturan kaj socian integriĝon. La raporto estis favore akceptita de la partoprenanto, kiel ankau de la ĵuselektita internacia komitato por la daŭrigo de la klopodoj de tiu ĉi unua seminario. Siaflanke IOE ellaboras vastan planon por tutmonda agado, por profiti la tre favorajn cirkonstancojn, kaj enkonduki Esperanton en la turismon kaj sporton. Tio estas atingebla, kompreneble, nur se ni sukcesas mobilizi ĉiujn aktivajn fortojn al la sama celo. Ni memorigas ke la jaro 1967 estas proklamita la Internacia Jaro de la Turismo, sub la slogano Turismo — pasporto al la paco. Jen slogano por ni:

TURISMO - PASPORTO AL LA PACO,
ESPERANTO - PASPORTO AL LA INTERKOMPRENIĜO.

---

**11-25.II.1967: Int. Ferv. Skisemajnoj en Krimml kun skiveturkonkursoj, amuzajkaj karnavalaj vesperoj, prelegoj kaj lingvaj konkuroj. Kelkaj lokoj ankoraŭ liberaj. Aliĝu ĉe s-ano Joh. Geroldinger, Marcusgang 7, A 4020 LINZ.**



La IFEF-Estraro
deziras al ĉiuj membroj,
kunlaborantoj kaj legantoj

*feliĉan kaj sukcesplenan 1967*

kaj esperas,
ke en la nova jaro
nia organizo
fariĝos pli granda
kaj pli forta.



La 16an de novembro naskiĝis tria infano al gesinjoroj Greutert, filineto

*Manuela*

La IFEF-estraro gratulas la feliĉajn gepatrojn.